Esperanta Stenografio Duployé-Flageul
Kolekto de FLUGANTA SKRIBILO

# LERNOLIBRO
de
# ESPERANTA STENOGRAFIO

laŭ la sistemo Duployé

de

P. FLAGEUL

HONORA PREZIDANTO DE L'INTERNACIA ASOCIO
DE LA ESPERANTISTOJ-STENOGRAFISTOJ,
ARĤIVISTO DE L'STENOGRAFA INSTITUTO DE FRANCUJO,
MEMBRO DE L'JUĜANTARO DE UNIO DE L'STENOGRAFISTAJ
SOCIETOJ DE FRANCUJO,
DIREKTORO DE « FLUGANTA SKRIBILO »,
DIREKTORO DE LERNEJO POR KOMERCA SEKRETARIECO,
PROFESORO DE STENOGRAFIO EN LICEO MICHELET
KAJ EN LERNEJO ST-NICOLAS.

4° ELDONO

**Prezo : 1,50 franca franko**
**(1 respondkupono)**

Eldonejo de Esperanta Stenografio
**9, Bulvardo Voltaire**
**Issy-les Moulineaux (Seine) — Francujo**

1932

# ALFABETO

## Konsonantoj.

p b t d ĝ f v k g ĥ h l r

m n ŝ ĵ ĉ s z c j

## Vokaloj.

a e i o u aŭ eŭ

an en in on un am em im om um

Finaĵoj : aj oj ajn ojn

# Esperanta Stenografio Duployé-Flageul

---

## Ĝeneralaj Rimarkoj.

1. — Ĉiam la konsonantoj devas esti skribataj en la pozicio montrata de la alfabeto. Oni skribas ilin antaŭen aŭ malsupren. Nur *l* kaj *r* estas skribataj supren.

2. — La vokaloj ne ĉiam havas la alfabetan pozicion. Oni skribas ilin tiamaniere, ke oni EVITU ANGULOJN.

3. — Por skribi stenografe sufiĉas :

*a*) Serĉi en la alfabeto la necesajn signojn;
*b*) Ilin kunigi ne levante la skribilon;
*c*) Se necese, aldoni la helpajn signetojn, sed *nur* post kiam la vorto estas finskribita.

4. — Ĉiam oni devas zorge atenti pri la formo, la grandeco kaj la pozicio de ĉiuj signoj. Senĉese oni devas klopodi por ĉiam belege skribi.

5. — Por obei la ĉefan regulon : « EVITU ANGULOJN », oni ŝanĝas la alfabetan pozicion de l'vokaloj, kaj oni skribas :

da [stenogram] kaj ne [stenogram] koro [stenogram] kaj ne [stenogram]
timi [stenogram] kaj ne [stenogram] rondo [stenogram] kaj ne [stenogram]

## Ekzemploj

### MONTRANTAJ LA FORMADON DE LA VORTOJ.

La jenaj ekzemploj montras la signojn utilajn, por skribi la vortojn, kaj klarigas kiamaniere oni kunigas tiujn signojn.

Arboj — marŝu
florojn — infanan
ŝparas — Esperanto

6. — Kompreneble, por legi stenografaĵon, oni serĉu unue la signifon de l'signoj.

ava — akvoj
okajn — fakojn
koko — pagojn

Oni devos lerni novan lecionon, nur kiam antaŭa leciono estos bone komprenita, kaj kiam oni estos kapabla senerare kaj senhezite legi kaj skribi la proponitajn ekzercojn.

Por ricevi bonan rezultaton, oni unue legu la vortojn stenografe skribitajn kaj oni kopiu ilin. Poste oni provu ilin denove skribi, ne rigardante la modelon, krom por komparo.

## 1ª Leciono.

Rektaj konsonantoj malsuprenirantaj kaj rondaj vokaloj

p b f v k ĝ ĥ h

a o Finaĵoj { aj oj ajn ojn.

7. — Ĉiam oni devas skribi la ĉi suprajn konsonantojn malsupren.

### Pozicio de l'Rondaj Vokaloj

### Ĝenerala Regulo

8. — Kiam ronda vokalo troviĝas inter du konsonantoj, kiuj faras angulon, oni ĉiam skribas tiun vokalon ekstere de l'angulo.

bovoj pago kava faboj vokojn.

9. — En ĉiuj aliaj okazoj, t. e. ĉe la komenco aŭ ĉe la fino de vorto, same inter du konsonantoj ne farantaj angulon, oni skribas la rondan vokalon dekstre de la ĉi supraj konsonantoj.

avo okaj opa agojn papo koka hokajn favoj

Rimarko : Por ke la skribo estu belaspekta, oni finu la unuan konsonanton sur la skriblinio.

### Ekzercoj 1.

Legu kaj kopiu.



Ŝtenografu.

Ho! hoka, avaj, avoj, faga, fago, fagojn, kafaj, kafajn, kafo, kafojn, papavo, papavoj, povojn, vokoj, akvajn, apogoj, favo, fava, fokoj, hoko, kapa, ovaj, kapojn, ovo, kavoj, kavajn, pava, povo, kafo kaj akvo.

## 2ª Leciono.

Rektaj konsonantoj antaŭenirantaj.

t d ĝ l r

10. — Tiujn ĉi konsonantojn oni skribas dekstren; la tri unuajn horizontale, la du lastajn supren.

11. — Kiam la Ĝenerala Regulo ne estas obeebla (vidu I-an lecionon, reg. 8), oni skribas la rondajn vokalojn supre de la nun pritraktataj signoj.

Ekzemploj pri la Ĝenerala Regulo

tagojn doktoro lakado rokoj gorĝojn katalogo odoroj

Ekzemploj pri aliaj okazoj

aĝo akraj artajn oro datoj rolo lardo glora

12. — Kiam du rektaj signoj, skribotaj en sama direkto, sekvas unu la alian, tiam oni montras ilian apartigon per surmetita duonrondeto aŭ per nesimila klinigo.

La propraj nomoj estas ĉiam substrekotaj.

alloga aŭ Karlo aŭ Hago Klaro

Dua rimarko : Kiam la unua konsonanto de vorto estas *l* aŭ *r*, oni komencas ĝin sur la skriblinio.

EKZERCOJ 2.

Legu kaj kopiu.



Stenografu.

Afablaj, aglojn, akordo, agordo, agato, Agato, atakojn, barbaraj, bravajn, brovoj, forto, forkoj, haroj, horloĝo, korko, korpoj, kortojn, forrabo, lokojn, Padovo, popoloj, raporto. La agrabla advokato varbota Aparta katalogo por roboj, toloj kaj drapoj.

## 3ª LECIONO.

Kurbaj konsonantoj.

m n ŝ ĵ ĉ ŝ z c



14. — Oni skribas la du unuajn malsupren, la ses aliajn antaŭen.

15. — Kiam la Ĝenerala Regulo ne estas obeebla, oni skribas la rondajn vokalojn *interne de la antaŭa konsonanto*, kun kiu ili formas silabon.

Ekzemploj pri la Ĝenerala Regulo

mamoj notojn sato zorgas ĉano ŝakalo



Ekzemploj pri aliaj okazoj

modojn mano nomo ĉasas ĵaboto



16. — Ĉe la komenco kaj ĉe la fino de l'vortoj oni skribas la rondajn vokalojn interne de l'kurbaj konsonantoj.

amo ostoj panaj anaso aĵo



Ekzercoj 3.

Legu kaj kopiu.



Stenografu.

Akvo, almanako, barĉo, brosoj, bosko, gaso, fámaj, formo, flamojn, forno, gazo, Marso, paŝo, kotono, ostroj, kaŝtanojn, okazo, ĉarlatano, hazardo, sklavo. La bona kaj kara kamarado marŝas paŝo post paŝo. La mastro klopodos por bona zorgado. La bananoj, la asparagoj kaj la rafanoj tro kostas.

## 4ª Leciono.

Malgrandaj duonrondoj kaj grandaj kvaronrondoj

i e u aŭ eŭ j

17. — La signon *j* oni skribas en la pozicio plej oportuna por la skribo, kutime kiel ĉi supre.

18. — Ĉe la komenco de l'vortoj oni skribas la kvin ĉi-suprajn vokalojn je la sama flanko, kiel la rondajn vokalojn, kaj oni kunligas ilin kun la konsonantoj *ne farante angulon.*

19. — Tiam oni povas precizigi la sonojn, metante punkton super la duonrondeton por *i*, sub ĝin por *e*; eksteren de la kvaronrondo por *aŭ* kaj internen de ĝi por *eŭ*.

idolo edzo iloj elasta imago emajlo urbo Eŭropo uzado

20. — Ĉe la fino de l'vortoj *i* kaj *u* estas skribataj dekstren aŭ supren. Male oni skribas *e*, *aŭ* kaj *eŭ* maldekstren aŭ malsupren.

palpi palpe gladu baldaŭ ami ame donaci donace halti halte

21. — Post kurba konsonanto. ĈIAM oni skribas la kvaronrondojn eksteren. Post *k*, *g*, *l*, *r*, oni ĉiam skribas ilin dekstren.

amu naŭ ĉu lasu plu laŭ ĉirkaŭ

22. — En la interno de l'vortoj oni skribas tiujn vokalojn ne farante angulon ĉiufoje, kiam tio estas ebla.

filo fero timi ĝemi ludi laŭdo

23. — Kiam angulo estas neevitebla, oni faras ĝin inter la vokalo kaj la *sekvanta konsonanto*.

peti pitono cedi sidi luli laŭro

24. — Ĉiufoje kiam estas eble, oni precizigas la signifon de l'duon- aŭ kvaronrondo, donante al ĝi la pozicion, kiun ĝi havas ĉe la fino de vortoj.

pipo pepi tiri tero lirika lerta minaci promeni pupo

Ekzercoj 4.

Legu kaj kopiu.

Stenografu.

La frato klopodas, por iri al vi. Sako da karbo estas alportota de la najbaro, morgaŭ vespere. La domo de la patro estos baldaŭ tre agrabla loĝejo; la mebloj aĉetitaj por la salono estas belaj sed multekostaj. Ĉar la lumigilo brilegas, la domo ŝajnas pli bela. Rapidu, por iri kune al la lernejo.

## 5ª Leciono.

### Malgrandaj kvaronrondoj.

an en in on un am em im om um

25. — La ĉi supraj signoj estas *kvazaŭ-nazaj sonoj*. Oni uzas ilin, kiam, en la vorto, la konsonanto ne estas sekvata de vokalo. Do estas kvazaŭ-nazsono en la vortoj *an*-gi-lo, t*en*-do, eŭ-ro-p*an*, sed ne estas tia sono en la sekvantaj vortoj : *a*-*n*a-ga-lo, t*e*-*n*a-do, Eŭ-ro-p*a*-*n*o.

26. — Ĉar la malgrandaj kvaronrondoj estas ofte skribataj en la sama pozicio, oni povas ilin karakterizi per iliaj helpaj signoj, kiuj estas ĉiam nevarieblaj.

27. — Komencante la vortojn, oni skribas tiujn signojn en pozicio mala de tiu de la aliaj vokaloj, krom antaŭ *t*, *d*, *ĝ* kaj *l*, *r*.

impresi onklo ankaŭ ungoj anso enŝovi antaŭ inda enlasi

28. — Finante la vortojn, oni skribas ilin eksteren de la kurbaj konsonantoj kaj dekstren de *k*, *g*, *ĥ*, *h*, *l*, *r*.

min mem nin nun sen kun patran koron

29. — Post ĉiuj aliaj rektaj konsonantoj oni skribas *an*, *am*, *en*, *em*, *in*, *im*, samflanken kiel *i* kaj *u*; male oni skribas *on*, *om*, *un*, *um*, samdirekten kiel *e*, *aŭ*, *eŭ*.

ĝin dum kapan kapon kavan kavon aĝan aĝon

30. — Interne de l'vortoj oni skribas ilin kiel estas dirite pri la grandaj kvaronrondoj.

pensi punco tendi tondi tempo tombo volanta volonte

Ekzercoj 5.

Legu kaj kopiu.

Stenografu.

Informu nin pri la kondiĉoj de la vendado. En Majo la kamparo estas vere admirinda pro la florantaj arboj. Kvankam mi ŝiris la poŝon de la pantalono, mi ne perdis la ŝlosilon de la manĝoĉambro. Rigardu la infanojn; ili kuras en la ĝardeno, dezirante kapti belan birdon, sed ĝi malproksimen forflugas, pepante.

## 6ᵃ Leciono.

### Sinsekvaj vokaloj.

31. — Oni skribas la sinsekvajn vokalojn laŭ la ordo de la elparolo. Ili obeas la regulojn ĝis nun montritajn.

diajo teatro ĝui antaŭe ruinoj kruela laika vualo

32. — Oni skribas tiel : boato sed : ĥaoso.

33. — Ĉe la fino de l'vortoj oni skribas ilin antaŭen aŭ malsupren.

alia aliaj aliajn alian kompanio tiuj kriu glui brue

34. — Kiam vorto enhavas nur vokalojn, oni skribas la unuan en la alfabeta pozicio.

ia ie iu iam iom

### Ekzercoj 6.

Legu kaj kopiu.

### Stenografu.

Ies, jes, tia, tial, heroa, duigi, akcioj, iaj, sciigi, bluan, biero, detrui, silvion, trouzi, ion, mueli, Varsovio, miozoto, foiro, pereigu, kuirejo. Neniu metis koakson en la kamenon, tial kvankam ni aŭdas tre ŝatindan poemon, la malvarmo, bedaŭrinde, neniigas nian entuziasmon.

## 7ª Leciono.

### Nombrado.

1 2 3 4 5 6 7 8 9 0

35. — Ĉiam la ciferoj konservas la ĉi supran pozicion.

36. — Kiel la propraj nomoj, ili devas esti substrekitaj.

12 145 279 350 500 1932

37. — Malgranda rondo apartigas la samajn rektajn ciferojn.

11 101 22 202 222 2.202

Tie ĉi la nombrado estas montrata kiel kuriozaĵo, ĉar praktike oni uzas pli volonte la arabajn ciferojn.

### Skribo sen helpaj signoj

38. — En la kuranta skribado oni forigas ĉiujn helpajn signojn, kiel en tiu ĉi ekzerco, kiun vi facile tradukos.

